FENIKSO NIGRA
ANARKIO.NET

# ANARKIO

INFORMA MONATA BULTENO
AŬGUSTO 2011
Nº 12



## Grava Manifesto (de Popola Fronto num 25 – 1 Decembro 1936)

Laboristoj de la tuta mondo: Solidaron al Hispanio!

Nia lando estas invadita de internacia faŝismo kiu plenumis la plej brutecan krimon, kiu registras la Historio. Pli ol 200.000 personoj estas fusilmortigitaj, post plej teruraj turmentoj, de kripligo ĝis bruligo de vivantaj korpoj.

Virinoj, infanoj kaj maljunuloj estas tranĉitoj. Germanaj kaj italaj aeroplanoj bombardas vartejojn; fotobildojn aperigas ĉiaj revuoj. La kripligo de nia aviadisto Galarza, kies kripligita kadavro estis poste ĵetita en niaj vicoj, estus plej granda monstra fakto, se ne estus sekvata de la konstanta murdado al senkulpaj hispanoj. La noktaj bombardadoj, per bruligaj bomboj, kontraŭ nia ĉefa urbo montras la malkuraĝon de la faŝisto, kiuj ne kapablas venki nian popolon sur la batalkampo.

La hispanaj laboristoj verkas nun la plej glorajn paĝojn de la Historio. Per siaj nesufiĉaj elementoj ili kontraŭbatalas la germanan, italan, portugalan kaj hispanan faŝismojn kaj la ŝturmtrupojn elportitajn el Afriko.

La Ĝenerala Unio de Laboristoj proklamas laŭte tiun ĝis nun nekonatan barbarecon kaj sin turnas al ĉiuj laboristoj, al Socialista Internacio, al La Sindikata Internacia Federacio, al Komunista Internacio, al Ruĝa Sindikata Internacio, al Amerika Federacio de Laboro, al Amerika Federacio de Industriaj Laboristoj, al Internacia Asocio de Laboristoj, al Internacia Ruĝa Helpo, al niaj fratoj de Latina Ameriko, al ĉiuj laboristoj kaj kamparanoj sen partio nek organizo, al liberalaj intelektuloj; fine, al ĉiuj demokratoj, ĉar ili leviĝu kiel sola homo kaj devigu siajn registarojn por ke nia Respubliko demokrata povu sin defendi kontraŭ banditoj kaj murdistoj.

Necesas ke tiu tutmonda protesto kontraŭ la faŝistaj monstraĵoj estu efika, nekontraŭstarebla, efektiva.

Laboristoj de la mondo: Antifaŝistaj intelektuloj: Se vi deziras konservi kaj pliperfektigi liberan situacion kiun la faŝismo celas detrui per maroj de sango:

Leviĝu urĝe kaj helpu nin!

For la "ne interveno"! Por la libero kaj demokratio de la mondo!

ĜUL – Direktanta Komitato

---

## 10ª Anarkiistaj Esprimoj - 2011




Oni okazos 10ª Anarkiistaj Esprimoj en la tagoj 15 kaj 16 de Oktobro, denove en San-Paŭlo.

Tio evento kunigos anarkiistoj kaj samideanoj al interkomunikos ĝin kaj ankaŭ praktiko pri anarkiisma movado. Ĉio al konstrui la liberacana lukto en San-Paŭlio.

Anarkiistaj Esprimoj estas malfermita al ĉiujn!

Venu vin komuniki kaj agi por libereco kaj justeco!

Adreson: Strato General Jardim, 253 Sala 22 Vila Buarque San-Paŭlo – SP

Proksima stacidomo Metro Respubliko.

Pli informoj: exprana@riseup.net aŭ fenikso@riseup.net

anarkio kaj esperanto

## La batalantoj marŝas karavane al Zaragozo

Je la 10ª horo mtene, 24an de Julio, marŝis la dua kontraŭfaŝista karavano al Zaragozo. La ĉefurbo de Aragono estas ankoraŭ sub la regado de la faŝistmilistoj. Entute la faŝista armeo, en tiu ĉi urbo, estas plena divizio, tio estas: du regimentoj de infanterio, unu de artilerio kaj alia de inĝenieroj.

La regimento de inĝenieroj delongtempe estas konsiderita kiel faŝista regimento. Al tiu ĉi armeo oni devas aldoni ankaŭ, multajn militistajn korpusojn kaj faŝistajn bandojn, kiuj helpas la menciipitajn diviziojn.

La faŝista milicio sumas entute ses aŭ sep-mil bonarmitajn homojn.

Zaragozo estas unu el la plej gravaj strategiaj lokoj en Hispano. Tion bone scias la faŝistoj kaj pro tio ili fortiĝis en tiu regiono.

La plejmulto el la laboristoj el Zaragozo estas organizita en C.N.T. sed ilia forto ne sufiĉas por kontraŭbatali la faŝistajn fortojn.

La Komitato de la kontraŭfaŝistaj milicianoj kiu gvidas la armitajn fortojn en Katalunio decidis forigi la armitajn laboristajn karavanojn por ataki la faŝistojn. La Komitato decidis forsendi sesmil milicianojn, sed la entuziasmo estis tiel granda ke nombro de voluntuloj por iri Zaragozon, la karavano atingis nombron 10 mil. Aliaj miloj restis restis ĉe Barcelono atendante, senpacience, la momento por helpi ilin ĉu estus necesa.

Kune kun la batalantaj kamaradoj marŝis ankaŭ multaj virinoj kiuj estis virvestitaj kaj eĉ surportantaj multajn ŝtalkestojn. **(Teksto de Informa Bulteno CNT-AIT FAI de 25 de Julio 1936 - num 01)**

---

## Esperanto kaj Anarkiismo

(Daŭrigo de Informa Bulteno numero 10)

Precipe forta estis la laborista Esperanto-movado en Germanio kaj en Sovetunio. Interalie, oni fondis en 1923 en la soveta Ukrainio la "Internacian Sciencan Anarkiisman Bibliotekon de la Internacia Lingvo" (I.S.A.B.), kiu eldonis la libron Etiko de Kropotkin, la Anarkiismo de Borovoj kaj aliajn verkojn por internacia legantaro en Esperanto. Anarkiismaj esperantistoj disvolvis siajn agadojn en tiu tempo ne laste en orienta Azio, en Ĉinio kaj Japanio. En tiuj landoj Esperanto baldaŭ fariĝis populara afero inter anarkiistoj. Oni eldonis plurajn gazetojn, plej ofte dulingvajn. Ekzemple, ekde 1913 Liu Shifu (kromnomo: Sifo) eldonis la gazeton La Voĉo de l'Popolo. Ĝi estis entute la unua anarkiisma gazeto en Ĉinio. En la komenco la informoj de ĝia ĉinlingva parto devenis grandparte el la supre menciita Internacia Socia Revuo. Liu Shifu mortis jam en 1915. Ankaŭ inter la unuaj japanaj esperantistoj estis multe da anarkiistoj kaj socialistoj. Ili estis ripetitajn fojojn elmetitaj al persekutoj. En 1931 la gazeto La Anarkiisto devis ekzemple ĉesi aperi, ĉar ĝia redaktantaro sendiĝis en malliberejon. La anarkiismaj esperantistoj travivis signifan malfortiĝon, kiam okaze de la persekutado de sovetiaj esperantistoj en 1937 ankaŭ multe da anarkiismaj esperantistoj estis murditaj aŭ forsenditaj en punkaptitejojn.

Esperanto modeste rolis en la Internaciaj Brigadoj dum la Hispana Enlanda Milito (1936-1939). De 1936-1939 aperis en Barcelono semajna informa bulteno de la CNT/FAI, kiun I.L.E.S. (Ibera Ligo de Esperantistaj Anarkiistoj) eldonis. Ankaŭ la radio-stacio de la CNT/FAI dissendis Esperanto-elsendojn.

Post la Dua Mondmilito la pariza grupo estis la unua, kiu rekomencis la organizitan laboron. Ekde 1946 ĝi eldonis la gazeton Senŝtatano. Ankaŭ jarojn poste ekzistis aktiva anarkiisma grupo en Parizo. En 1981 okazis je ĝia iniciato la fondo de Radio Esperanto, kiu ankoraŭ hodiaŭ dissendas unu horon sur la frekvenco de Radio Libertaire. La plimulto de liberecanaj kaj anarkiismaj esperantistoj organiziĝis en la posta tempo en SAT. Iliaj anarkiismaj membroj konsistigas tie aŭtonome agantan t.n. frakcion. Ili komencis eldoni en 1969 la Liberecanan Bultenon, kiu hodiaŭ nomiĝas Liberecana Ligilo.

Sed SAT ne sola loko kie havas anarkiistaj aŭ anarkiisma penso. Oni havas pluraj anarkiismaj grupoj per ekzemplo nia, Fenikso Nigra. Do oni estas bezona serĉi kaj koni tiaj grupoj.

Malkateni la mensoj!

---



## Ni bezonas voluntulojn!

Nia iniciatemo bezonas voluntulojn por skribi, traduki, desegni aŭ por iu ajn kontribuaĵo.
Ĉia helpo estas bonvenan, dankon!
Sanon kaj anarkion!

**Kontaktojn**
Fenikso Nigra
CP: 999 - CEP 13001-970 Campinaso - San-Paŭlio
Aŭ
CP: 5005 - 130036-970 Campinaso - San-Paŭlio
m.e.: fenikso@anarkio.net m.e.: fenikso@riseup.net
http://anarkio.net